# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 26/05/2016 Ducentsepdekunua eldono 26/05/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 306.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **400,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# 124. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Fari vortojn. Ĝ.

Kelkiuj eble trovas stranga, ke la signifo de ĉiu vortkunmetaĵo neniam estas certa, eĉ kelkfoje ne ĉe derivado kaj alikategoriigo. Tio estas la sorto de la aglutina vortkunmetado, nome ke oni devas ĉiam decidi la ekzaktan signifon de la kunmetaĵo ĉe la kreado aŭ tuj poste, nome antaŭ ol la tuta parolantaro eble donos subkonscie la malĝustan signifonuancon. Malĝustan, ĉar eble ne la plej bezonatan aŭ la nuancon uzatan en la etnaj lingvoj. Sed ne timu: kutime la parolantoj divenas la ĝustan nuancon, precipe ĉar uzatas kutime unu el nur la prepozicioj “de”, “al”, kaj “por”. Same en la etnaj lingvoj. Mi mencias la fakton nur,ĉar povas okazi ke vi kreis novan vorton kies ĝenerala signifo ne samas al tiu de vi celata. Ekzemple malsanulejo estas ĝenerala ejo por ĉiaj malsanuloj, dum malsanejo povas esti la speciala ejo por homoj kun specifaj malsanoj. Tio estas simple pro konvencio.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Venis sabaton la 21a je Majo-- Roger Springer, Chris Holliss, Eunice Graham, Steven Garamy kaj Ian (Jano) Wylles.

# Esperanto-sumoo

Ĉu vi sentas, ke vi ne sufiĉe legas en Esperanto? Eble interesus vin Esperanto-sumoo, iniciato de nia tre aktiva japana samideano Hori Jasuo. Estas kvazaŭ-konkurso, en kiu oni mem elektas kion

legi kaj kiom. Hori Jasuo iom plendis, ke kvankam la afero post kvarjara ekzisto vere internaciiĝis, neniu aŭstraliano aŭ novzelandano partoprenas.

Estas stimula informa retpaĝo pri ĝi: http://www.esperanto-umoo.strefa.pl/images/hori.mp3.

Iom egoisme mi aldonu, ke multaj partoprenantoj en la sumoo legas miajn romanojn. Se mankas al vi legaĵoj, vi povas aĉeti de mi kontraŭ $10 plus sendokostoj el la jena listo:

*La fotoalbumo (vol. 1 kaj 2)*
*Kaj staros tre alte*
*Kvazaŭ ĉio dependus de mi*
*Neniu ajn papilio*
*Memori kaj forgesi*
*Paradizo ŝtelita*
*Sed nur fragmento*
*Flugi kun kakatuoj*



La supraj verkoj estas ĉiuj romanoj. *Australia felix* kaj *Diverskolore* estas kolektoj da noveloj, eseoj, recenzoj. *Konvinka kamuflaĵo* estas aŭtobiografio.

*Trevor Steele*

# AEA informas.

**Aŭstralia Esperanto-Asocio** C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2016-05-19 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (19/05/2016) ĉeestis:
Esther, Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor -

### (1) BANDUNG – TRILANDA KONGRESO

Finfine, la lastaj (ĉefe financaj) problemoj estis solvitaj.

### (2) SOMERKURSARO – JANUARO 2017 EN BRISBANO

Nia venonta somerkursaro okazos en januaro 2017 en International House en Brisbano
6-a – 15-a januaro 2017
Ni daŭrigis la preparadon.
Intertempe, ni decidis inviti Jomo el Francio por nia somerkursaro. Li konsentis kaj li venos.
Ni ankaŭ cerbumis pri la instruistoj. Ni esperas, prezenti ilin baldaŭ.
Joanne estas preparanta la broŝuron,.. Kiun ni disdonos dum la venonta UK en Nitra, Slovakio.
Kontaktu nin, se vi ŝatus kontribui.

### (3) ESK

La venonta numero estas preta kaj atingos vian poŝtkeston dum la venonta semajno.
Venonta kunveno: 02/07/2016
Esther, Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor

Kara Roger,
Mi dankas al vi pro via interesa ĵurnalo, kiun mi legas ĉiam kun granda ĝojo en malproksima Hungario. Gabor Markus 19a Majo 2016

# Mia 85a naskiĝtago je 22a de Majo (30 jara reveno de mia emeritiĝo)



**Dum tiuj 30 jaroj, mi neniam komprenas de kie mi trovis tempon iri al la laborejo.**

★★★★

Saluton Roger H Springer

Post iu aĝo multaj ne ŝatas festi sian datrevenon kaj ne volas pensi pri la tempopaso. Ankaŭ mi atingis jam tiujn jarojn, sed mi tamen pensas pozitive. Mi ĝojas, ke mi ankoraŭ aktivas, povas agi, labori, instrui, sendepende de la nombro de la jaroj.

Ĉu vi estas juna, ĉu iom malpli juna, ne gravas. Ĝoju pro la plia farita jaro, alfrontu la sekvajn kun energio, planoj, optimismo kaj sano kaj klopodu fari ion ankaŭ por niaj movado kaj kara lingvo.

Sed antaŭ ĉio grandioza, ĝuu la hodiaŭan tagon kaj lasu pleniĝi vian koron je danko al viaj proksimuloj kaj amikoj dise en la mondo.

Amike salutas vin okaze de via datreveno kaj invitas vin spekti kaj aŭdi nian donackanton:
http://edukado.net/biblioteko/filmejo?iid=249

Katalin Kovats, redaktoro de edukado.net

★★★★

## Kara amiko Roger Springer, feliĉan naskiĝdatrevenon!




★★★★

# La naskiĝtaga festo

Mia naskiĝtaga festo okazis en kluba restoracio ĉe Dee Why (proksima al Manly, kie mi loĝas)
Preskaŭ ĉiuj de miaj posteularo venis eĉ mia filino, ŝia filino kaj nepo el Adelajdo.

Miaj familianoj malofte vizitas unu la aliajn, do ni ĉiuj ĝuis la kunvenon kaj renkontiĝon de la genovuloj de la familio

## Mia posteularo



## La familo inkluzive de mi, gefiloj, geedzoj, geamantoj.





## 3ZZZ



Mi memorigas la membrojn de la Esperanto-programo en la radio 3ZZZ ke la 3an de Junio 2016 okazos la jarkunveno en la radiostacio, nova konstruaĵo, 309 Albert strato en Brunswick Neniu alia averto estos sendata al vi .

Se vi ŝatas skribi poemojn aŭskultu la elsendon de la 23a de majo por koni la regulojn de konkurso pri poezio

Franciska Toubale

# Informilo de la UN-oficejo de Universala Esperanto-Asocio

*Numero 22, Majo 2016*

## Lingva Simpozio Traktis la Celojn por Daŭripova Evoluigo

**22 Aprilo.** Lingvo kaj la Celoj por Daŭripova Evoluigo (CDE) estis la temo de simpozio okazinta ĉe 777 United Nations Plaza, Novjorko, la 21-an kaj 22-an de aprilo. Pli ol cent universitatanoj, diplomatoj, reprezentantoj de neregistaraj organizaĵoj (NROj), kaj UN-oficistoj ĉeestis la aranĝon, kiu ekzamenis la lingvajn implicojn de la Celoj, starigitaj de la Ĝenerala Asembleo de UN kiel bazo de la laborprogramo de UN pri evoluigo dum la periodo 2015-2030.

Ĉefparolis Suzanne Romaine, eksa profesoro pri la angla lingvo ĉe Oksforda Universitato. Michael Ten-Pow, Speciala Konsilanto al la Kunordiganto de Multlingvismo ĉe UN, priskribis lian agadon por la igo antaŭen kaj konservado de multlingvismo ene de Unuiĝintaj Nacioj mem.

Oni organizis la simpozion por substreki la gravecon de lingvo kiel ilo de komunikado de la Celoj al ĉiuj popoloj de la mondo, kaj kiel elemento en la sukcesa realigo de la Celoj mem. Aludante al la kvara Celo, pri altkvalita edukado, Timothy Reagan, de la Universitato de Majno (Maine), rimarkigis, ke, "estas interese noti, ke, spite al la kerneco de lingvaj demandoj en tiu ĉi Celo kaj aliaj, la lingvoj ne eksplicite menciiĝas ie ajn inter la Celoj mem, nek en esprimo de la celtabuloj atingendaj por realigi la celojn." "Malgraŭ siaj imponaj celpunktoj," aldonis profesoro Romaine, el Oksforda Universitato, la CDE "tamen ne agnoskas la centran rolon de la lingvo en la tutmonda debato pri malriĉo, daŭripovo, kaj justeco."

La simpozio traktis la lingvojn ne nur kiel elementojn en la unuopaj Celoj, sed ankaŭ kiel ilojn por komuniki la Celojn kaj dialogadi kun multlingva mondo. Oni emfazis la gravecon de dudirekta komunikado, kiun ĉiu homo povu plene partopreni.

Inter la referantoj estis Katalin Buzasi, de la Amsterdama Universitato; Terrence G. Wiley (Centro por Aplika Lingvistiko, Vaŝingtono); Kurt Müller (Nacidefenda Universitato, Vaŝingtono); Lisa McEntee-Atalianis (Birkbeck, Londona Universitato, Britio); Theo Du Plessis (Universitato de la Libera Ŝtato, Sud-Afriko); Carol Benson (Instruista Kolegio, Universitato Columbia, Novjorko), Dragana Radosavljevic (Universitato de Grenviĉo, Britio); Francis M. Hult (Lunda Universitato, Svedio); Alison Phipps (Glasgova Universitato, Britio); kaj María Barros kaj Anna García Álvarez, de la Hispana Traduka Servo ĉe UN. Prezentojn faris reprezentantoj de NROj World Education (Monda Edukado), Save the Children (Savu la Infanojn), International Rescue Committee (Internacia Sava Komitato), RTI International, SIL International, Internationals Network for Public Schools (Reto por Internaciaj Lernantoj en Publikaj Lernejoj), Linguapax International, kaj UN Academic Impact (Akademia Efiko UN). Ankaŭ partoprenis per konkludaj vortoj Seán Ó Riain, irlanda diplomato kaj esperantisto.

"Edukado estas ŝlosila en sukcesigo de postkoloniaj evoluigaj iniciatoj por elimini ekonomiajn kaj sociajn malegalecojn," deklaris Rosemary Salomone, profesoro pri juro ĉe St. John's University. "Kaj la aliaj CDE estas egale gravaj lingve," aldonis Humphrey Tonkin, de la Universitato de Hartford, prezidanto de la simpozio; "Kiel oni povas atingi egalecan traktadon antaŭ la leĝaro, aŭ enloĝeblajn urbojn, aŭ eĉ tutmondan kunordigitan agadon por elradikigi malsanon aŭ liveri puran akvon, se la homoj ne povas kunparoli kaj kunlabori pere de lingvoj kiujn ili ĉiuj komprenas?"

La simpozianoj ĝenerale interkonsentis, ke oni devas dediĉi pli da atento al la lingvo en formulado kaj plenumado de la Celoj por Daŭripova Evoluigo. Dum la specialistoj pri evoluigo eble flue parolas la anglan, multaj el la homoj, kiujn ili celas servadi, scipovas neniujn el la ĉefaj mondaj lingvoj.

La simpozio, kunvokita de la Studgrupo pri Lingvoj kaj Unuiĝintaj Nacioj, neformale organizita grupo de universitatanoj kaj praktikantoj, okazis sub aŭspicio de Universala Esperanto-Asocio, organizaĵo en

kunlaboraj rilatoj kun la Ekonomia kaj Socia Konsilio de UN kaj ties Fako pri Publika Informado, kaj de la Centro por Aplika Lingvistiko, kune kun la Centro pri Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj kaj ties revuo LPLP (Lingvaj Problemoj kaj Lingva Planado). Subvenciis ĝin Esperantic Studies Foundation.

La semajna informilo al neregistaraj organizaĵoj eldonita de la Fako pri Publika Informado anoncis la aranĝon kelkajn tagojn antaŭe, kaj poste aperis plena raporto en la interna retejo de Unuiĝintaj Nacioj.

## Mesaĝo de Universala Esperanto-Asocio okaze de la Internacia Tago de Familioj 2016 proklamita de Unuiĝintaj Nacioj, 15 Majo 2016

**15 Majo.** La temo de la ĉi-jara Internacia Tago de Familioj estas "Familioj, sanaj vivoj kaj daŭripova estonteco." Nome de la miloj da Esperanto-parolantaj familioj, kiujn ĝi bonvenigis inter si tra la jaroj, Universala Esperanto-Asocio esprimas sian daŭran sindediĉon al tiuj idealoj, inkluzive de la tri aspektoj ĉi-jare emfazataj: (1) La sano kaj bonfarto de infanoj kaj junuloj, (2) Ekvilibro inter laboro kaj familio kaj la rezultaj sanefikoj, kaj (3) Pli alta vivokvalito por pli aĝaj personoj.

Ekde sia fondiĝo en 1908, nia Asocio laboras por transponti la dividojn inter homoj kaj nacioj. Ne malofte, tiuj agadoj kondukas al internaciaj geedziĝoj kaj la starigo de familioj kies infanoj ĉehejmas en pli ol unu kulturo. Antaŭ cent jaroj, meze de la Unua Mondmilito, la juna Asocio laboris, el sia sidejo en la neŭtrala Svislando, por utiligi la Internacian Lingvon Esperanto kiel ilon por reunuigi familiojn dividitajn de la milito, kaj por starigi kontakton kun familianoj izolitaj de siaj parencoj. En pacaj periodoj, ni celis disvastigi la lernadon kaj instruadon de Esperanto kiel vojon por malfermi la mondon al infanoj, plenkreskuloj kaj pliaĝuloj egale; al ĉiuspecaj familioj, ĝi reprezentas unikan manieron por partopreni en internacia komunumo ligita per vojaĝado, literaturo kaj aliaj komunaj spertoj. Hodiaŭ la Asocio organizas ĉiujaran tutmondan renkontiĝon de Esperanto-parolantaj infanoj, kaj niaj aliĝintaj asocioj en pluraj landoj aranĝas ĉiujare kunvenojn de Esperanto-parolantaj familioj.

En la hodiaŭo, en mondo kie multe tro da familioj estas dividitaj aŭ dislokitaj de milito kaj politika subpremo, kie multe tro da familioj vivas en malriĉeco aŭ sub minaco de malsano, kie multe tro da familioj vane serĉas ekvilibron inter laboro kaj familio, ni esprimas nian firman deziron, nome de ĉiuj parolantoj de Esperanto, labori por pli sana, pli egaleca, pli tolerema kaj pli paca mondo en kiu la familia vivo estu plifortigita en maniero kiu avantaĝas ĉiujn familiojn kaj ĉiujn individuajn familianojn.

## Agado en Novjorko

La lastatempa dutaga simpozio engaĝis plurajn niajn kunlaborantojn en Novjorko, inter ili **Ulrich Becker, Sofiya Soskina, Emma Walker** kaj **Ria Boemi**. **Humphrey Tonkin** prezidis la simpozion.

Tra dek tagoj en marto, **Allison Thorsen** ĉeestis ok kunsidojn de la Komisiono pri la Statuso de Virinoj, dum ties jara kunveno en Novjorko. Ŝi nun pretigas raporton.

**Scott Turton** kaj **Robin Hill** konstruas novan retejon por la organizaĵo Esperanto por UN. Nia intenco estas krei du retejojn: unu de la organizaĵo Esperanto por UN (en Esperanto kaj direktitan al esperantistoj) kaj alian de la oficejo de UEA ĉe UN (en la angla, por informi UN-oficistojn, neregistarajn organizaĵojn kaj aliajn, pri Esperanto kaj rilataj temoj).

Inter la kunsidoj, kiujn **Humphrey Tonkin** lastatempe ĉeestis, estis renkontiĝo pri junularo kaj edukado kunlige kun la baldaŭa konferenco de neregistaraj organizaĵoj (NROj) en Koreio (30 Majo – 1 Junio), kaj kunveno okaze de la Internacia Tago de Familioj. Li reprezentos UEA en nova Komitato de NROj pri Edukado, kiun oni nun kreas el du antaŭe ekzistantaj komitatoj.

**Young-Long Kim**, doktoriĝa studento en la Universitato Clark kaj kunlaboranto en UEA-Novjorko, reprezentos UEA en la baldaua internacia konferenco de NROj, en Koreio, kune kun estrarano de UEA Jung-kee Lee.

Baldaŭ ni bonvenigos someran volontulon el Centre College, Kentukio, studento pri germanaj studoj **Sam Winkelman**. Li restos en Novjorko de la komenco de Junio ĝis la mezo de Aŭgusto.

**Oficejo por rilatoj kun UN, Universala Esperanto Asocio, 777 United Nations Plaza, New York, NY 10017. [1] 212-687-7041. www.esperantoporun.org.**